

76-a UK - BERGENO

# Kongresa Kuriero

NRO 1 DIMANĈO 1991.07.28

## Pri tiu ĉi «Kuriero»

Kongresa kuriero fariĝas iom post iom nemalhavebla tradiciaĵo dum la Universala Kongreso. Ankaŭ ĉi-jare UEA provas liveri al vi, per tiu ĉi modesta folio, ĝisdatajn informojn kaj freŝajn raportojn pri la fluo de la U.K. La respondeculo pri la enhavo kaj pri la enpaĝigo estas Bruĉjo Kasini (Kongresa n-ro 520); helpas lin plurflanke Dario Besseghini (KN 830) kaj Lars Sandbakk (KN 1082).

Por doni informado pri via aktivaĵo al la kuriero, bonvolu uzi prefere la specialajn raportilojn kiujn vi trovos ĉe la giĉetoj, kaj en la Grieghalo kaj en la studenta centro. Plenigu la raportilon, kaj redonu ĝin samloke, aŭ transdonu ĝin en la ĉambro «Kongresa Kuriero» (samkoridore kiel la Libroservo) ĉiutage ĝis la 20a horo. La Kuriero laŭplane aperos tagmeze ĉiutage, de dimanĉo ĝis sabato, escepte de ĵaŭdo.

## Duontagaj ekskursoj

La duontagaj ekskursoj okazas ĉiutage. La plej multaj kongresanoj jam elektis la tagon por la ekskurso. Tiuj, kiuj ne faris tion devas kontakti la giĉeton "Duontagaj ekskursoj" por elekti la tagon. Ne eblas sen anonco kaj laŭ libera elekto aliĝi al iu ajn tago pro lokoj en aŭtobusoj.

## Pri loĝado

Estas iom da liberaj lokoj en la junulara gastejo Montana. Unu nokto kostas NOK 120,-, matenmanĝo inkluzivita. Lokoj en amasloĝejo estas jam elĉerpitaj. En hotelaj kategorioj, liberaj lokoj estas nur en kategorioj H1 kaj H2 (hoteloj Norge, SAS, Neptun kaj Admiral). Se vi bezonas loĝigon en iu el tiuj hoteloj, kontaktu la loĝigan servon.

## Pagoj en la kongresejo

Ĉiujn servojn en la kongresejo oni pagas en norvegaj kronoj. La monŝanĝejo troviĝas en la kongresejo. eblas ŝanĝi ankaŭ en hoteloj kaj poŝtoj kaj bankoj en la urbo. Nur escepte oni akceptos pagojn en aliaj valutoj. Oni principe akceptas kreditkartojn. Ĉekojn oni ne akceptas en la giĉetoj . Vojaĝĉekojn kaj eŭroĉekojn akceptas la kasistoj de LKK kaj de UEA kaj la libroservo.

## A. I. S. en vendredo

AKADEMIO INTERNACIA DE SCIENCOJ DE SAN MARINO, okazos vendrede 17-18 horoj en salono Venture.

## Teatraĵo du foje: senpagaj biletoj

Ĉi-kongresa teatraĵo estas tre norvega: «Pupohejmo», de H. Ibsen, en plenumo de "Kia koincido". La unua prezento estos en la marda vespero (20-23 h.) en la salonego Zamenhof. Kapacito de tiu salono estas 1500 personoj, tiel ke ne ĉiuj povos spekti la teatraĵon en mardo. La dua prezento okazos en merkredo, 20-23 h., en salono Lapenna. Por tiu prezentaĵo necesas havi biletojn ĉar la lokoj en la salono estas limigitaj. Biletoj estas senpage riceveblaj ĉe la informejo.

## Geskoltoj

Ĵaŭde je la19a horo ni renkontiĝos ĉe la enirejo A por kune pridiskuti estontajn projektojn de Skolta Esperanto-Ligo. Ekzemple ni planas Esperanto-skoltan partoprenon en germana tendarego sekvontsomere.

A.M. (KN 256) kaj Ca (KN 257)

# Komitato kovema

La Komitato de UEA kunsidis kvorume jam tri horojn en sabato antaŭ la inaŭguro. Ĝi aprobis la protokolon el Havano kaj fiksis sian konsiston kaj tagordon. Ĝi kovis ok laborgrupojn aldone al tiuj anoncitaj en la Kongresa Libro: jen iliaj temoj kaj la respektivaj gvidantoj (al kiu sin turnu kiu interesiĝas partopreni la diskuton):

| | |
|---|---|
| financo | L. Wunsch-Rolshoven |
| nova ĝenerala regularo por UEA | I. Jackson |
| komitataj labormetodoj | S. MacGill |
| Strategia Plano | J. Wells |
| Kongresa rezolucio | U. Lins |
| kunordigita landa agado | J.L. Texier |
| financado kaj organizado de internaciaj kulturaj programoj | E. Schwarzer |
| partopreno UEA-ILEI en la UN "Jaro de la Familio" proklamita por 1994 | Z. Tišljar |

La estraranoj raportis skribe pri sia agado dum la jaro. Neniu matura aliĝpeto venis el landa aŭ faka asocio, kvankam kelkaj estas en preparo.
La Komitato fine akceptis sep novajn honorajn membrojn en la Asocion: Karoly Fajszi (Hungario), Kurisu Kei (Japanio), Jaan Ojalo (Estonio), Johan Hammond Rosbach (Norvegio), Shin Ponycho (Koreio), Karl Söderberg kaj Jan Strönne (Svedio).

Stefan MacGill

# Internacia Vespero

Kongresanoj kiuj havas artistajn talentojn kiujn ili ŝatus montri al ni ĉiuj dum la Internacia Vespero, bonvolu kontakti Bjørn Heggset en la LKK-ejo.

# Novaĵoj en Esperanto

Ĉu vi sentas la mankon de novaĵoj dum via norvega restado? Legu Bergens Arbeiderblad, la loka gazeto kiu aperigas novaĵojn en Esperanto lastapaĝe dum la tuta kongresa semajno!

# Rektoro de IKU

Pro eraro en la kongresa libro oni preterlasis mencii ke la rektoro de la Internacia Kongresa Universitato estas prof. dr. Carl Støp-Bowitz. La vicrektoroj estas dr. Otto Prytz kaj dr. Sigbjørn Berge.

# Tago de la Lernejo

La ĉefa parto de la programo okazos de 09.00h ĝis 12.00h en mardo en salono Lapenna (Studenta centro). Post enkonduko pri la nuna farto de ILEI, ni traktos la temon 'Konsciigo pri lingvo-problemoj pere de Esperanto-Instruado' per grupa esplorado sub gvido de Stefan MacGill. Poste ni aŭdos pri du novaj iniciatoj kaj povos starigi demandojn: al s-ino Mila v.d. Horst de la Internacia Esperanto-Instituto pri plano prepari vidbendajn kursojn por hejma aŭ televidstacia uzo, kaj al s-ro Alonso Antonio Nuñez pri la pre-universitataj kursoj preparataj por efektivigo en la universitato de Santiago de Compostella en nord-okcidenta Hispanio en 1993 paralele kun la UK tiulande. Poste la prezidanto de ILEI raportos pri nuntempaj klopodoj enkonduki Esperanton en lernejoj per plurlanda agado, laste ni aŭdos raportojn de unuopaj instruistoj el diversaj landoj en 'libera podio'.
Posttagmeze okazos la kunsido de ILEI en salono Baghy (Grighallen sube), kiam ĝiaj agadoj estos diskuteblaj, krome rezolucio pri edukado estos pretigita por la Komitato de UEA.
Fine de la tago okazos la registriĝo kaj antaŭtesto por la ekzamenoj de UEA/ILEI, en salono Rifling (Studenta centro sube). Kiu pripensas anonciĝi, akiru la gvidilon en la libroservo!

S. MacGill.

---

# Anoncoj



---

# Novaj Aliĝoj (Aldono al la Kongresa Libro)

2093 May, S-ro David, 27 Connaught Av., East Sheen, London, Britio SW14 7RH
2094 Basten, S-ro Peter, 28 Queen Court, Queen Square, London, Britio WC1N 3BB
2095 Bennett-Davies, S-ro Simon C., Langdale House, Northcote Road, West Horsley, Leatherhead, Surrey, Britio KT24 6LT
2096 Hansen, S-ro Jens-Petter, Vuoritie 3 B 22, SF-04400 Traskanda, Finnlando
2097 McGreevy, S-ino Triska, Aŭstralio
2098 Wada, S-ro Masato, Fujimi 4-14-25, Higashimurayama, Tokyo, Japanio
2099 Bulka, S-reto Bartosz, Gorna 2, Stronie Sl., Pollando
2100 Engler, F-ino Bozena, Siedleckiego 2/26, Bydgoszcz, Pollando
2101 Skrzypczak, S-ino Magdalena, Matejki 65/53, Torun, Pollando
2102 Cwik, S-ro Michael, Avenue de Tervuren 175, B-1150 Brussel, Belgio
2103 Farrenkopf, S-ro Ulrich, Nibelungstr. 54, D-8760 Miltenberg, FR Germanio
2104 Strulovic S-ino Iren, 62 Pinsker-str., IL-63568 Tel-Aviv, Israelo
2105 Tourgeman, S-ino Rivka, 50 Dizengof str., IL-64-332 Tel Aviv, Israelo
2106 Presthaug, S-ino Birgit Normann-, Vevelstadasen 9, N-1405 Langhus, Norvegio
2107 Knudsen, Helge, Munkerudkleiva 25, N-1164 Oslo 11, Norvegio
2108 Tytgat, S-ino Kristin, Bikschotelaan 248/4, B-2140 Borgerhout, Belgio
2109 Cazzola, S-ino Anna-Maria, via Monte Cengio 9, I-36030 S. Vito di Leguzzano
2110 Lanaro, S-ro Gianmaria, Via Monte Cengio 9, I-36030 S. Vito di Leguzzano
2111 Stella, S-ro Gianpaolo, Via Matteotti 2, I-36030 S. Vito di Leguzzano
2112 Benella, S-ino Luciana, Via Matteotti 2, I-36030 S. Vito di Leguzzano
2113 Nakano, S-ino Humiko, Maehara-tyo 4-17-21 T184, Koganesi-si, Tokyo-to
2114 Numata, S-ro Ryokiti, Maehara-tyo 4-17-21 T184, Koganesi-si, Tokyo-to
2115 Numata, S-ino Seiya, Maehara-tyo 4-17-21 T184, Koganesi-si, Tokyo-to
2116 Numata, S-ino Yasuka, Maehara-tyo 4-17-21 T184, Koganesi-si, Tokyo-to
2117 Cavarretta, S-ro Domenico, Via 4 Novembre 14A, I-10020 Cavangolo
2118 Del Mastro, S-ino Liliana, Via 4 Novembre 14 A, I-10020 Cavagnolo
2119 Bajtlik, S-ro Jozef, Goluchowska 7/26, Warszawa, Pollando
2120 Giercuszkiewicz-Bajtlik, S-ino Mieczislawa, Goluchowska 7/26, Warszaw
2121 Laskowska, S-ino Barbara, Odrzanska 8/26, PL-30-408 Krak'ow, Pollando
2122 Borsi, S-ro Arpad, Korakas park 10, FZS 1, H-1107 Budapest, Hungario
2123 Bruder, S-ro Einar, Lehnhast 5a, D-3052 Bad Nenndorf, FR Germanio
2124 Jamaasi, S-ro Takasi, p/a Oomoto, Kameoka-si Kyoto-hu, 621 Japanio
2125 Koike, S-ino Kimiyo, ce Oomoto, Tenon-kyo, Kameoka-si, Kyoto-hu, 621
2126 Sikata, S-ro Masato, ce Oomoto, Tenon-kyo, Kameoka-si, Kyoto-hu, 621
2127 Oza-ua, S-ino Kazuko, p/a Oomoto, Kameoka-si, Kyoto-hu, 621 Japanio
2128 Yosida, S-ino Nobuko, p/a Oomoto, Tenon-kyo, Kameoka-si, Kyoto-hu, 621
2129 Pilger-Bugaj, S-ino Janina, Leekerhoek 26, NL-8223 ZS Lelystad, Nederlando
2130 Pilger, S-ro Michel, Leekerhoek 26, NL-8223 ZS Lelystad, Nederlando
2131 Pilger, S-ro Wouter, Leekerhoek 26, NL-8223 ZS Lelystad, Nederlando
2132 Menendez Diaz, S-ino Maria Luisa, c/ Rivero, 62.64, 1', E-33400 Aviles
2133 Muniz Alonso, S-ro Nicolas, c/ Rivero, 62-64, 1', E-33400 Aviles, Hispanio
2134 Fabris, S-ro Elio, Italio
2135 Fabris, S-ino Roberta, Italio
2136 Galeazzo, S-ino L., Italio
2137 Turri, S-ino Francesca, Italio
2138 Dupoux, S-ro Alain, 16, rue Gaston Caillavet, F-75015 Paris, Francio
2139 Graissaguel, S-ino Christine, 1 Rue Benoist Mary, F-69005 Lyon, Francio
2140 Panov, S-ro Petro, 33, Rue Remy Aubeau, F-91210 Draveil, Francio
2141 Debreczeni, Katalin, Bartok Bela ut 10-12, III 5., H-1111 Budapest XI
2142 Farkas-Tatar, S-ino Eva, Dohany u. 36/II/2, H-1077 Budapest, Hungario
2143 Farago, S-ro Imre, Budapesto, Hungario
2144 Perlaki, S-ino Margit Domok, Martonfa u. 12/a, H-1121 Budapest
2145 Linner, S-ino Ulla, Skalbyvagen, 42, S-17564 Jarfalla, Svedio
2146 Linner, S-ro Sven, Skalbyvagen 42, S-17564 Jarfalla, Svedio
2147 Geller, S-ro Thomas, 121 Cortland Ave, San Francisco CA 94110, Usono
2148 Cimino, S-ro Giulio, Viale dei Colli Portuensi 579, I-00151 Roma, Italio
2149 Karpati, S-ro G.A. Laszlo, Szalmarozsa ter 9, H-1161 Budapest
2150 Liseth, S-ro Oddvar Paul, N-3506 Royse, Norvegio
2151 Tomaszewska, S-ino Irena, ul. Zawadzkiego 81/13, PL-71-246 Szczecin, Pollando
2152 Grop, S-ro Andres, Svedio

2153 Haavisto, S-ro Juhani, Ritarg. 10, S-754 33 Uppsala, Svedio
2154 Englund, S-ro Paul Michal, Love Almqvistsv. 8, S-112 53 Stockholm, Svedio
2155 Bergius, S-ro Olof, Tomtrattsv. 16, S-126 43 Hagersten, Svedio
2156 Bjorklund, S-ro Robert, Rindogatan 44, S-115 58 Stockholm, Svedio
2157 Wiese, S-ro Martin, Bondegatan 58, 3tr., S-11633 Stockholm, Svedio
2158 Milton, S-ro R.Jose, Kulosaaren Puistotie 38-1, SF-00570 Helsinki 57
2159 Bojagiev, S-ro Nikolaj, ul. Akad. Derjavin 1, BG-4000 Plovdiv, Bulgario
2160 Stark-Vogel, S-ino Brigitte, Weberstrasse 5, D-8940 Memmingen, FR Germanio
2161 Matsumoto, S-ro Kimio, ce Oomoto, Tenon'-kyo, Kameoka-si, 621 Japanio
2162 Kisitani, S-ro Kazuja, ce Oomoto, Tenon'-kyo, Kameoka-si, 621 Japanio
2163 Pusch, S-ro Heinz, Mariannenstr. 50, DO-1601 Bindow, Germanio (Orienta)
2164 Pusch, S-ino Inge, Mariannenstr.50, DO-1601 Bindow, Germanio (Orienta)
2165 Maskey, S-ro Baikuntha M., KA 1/106 Tripureswar, Post Box 3030, Kathmandu, Nepalo
2166 rezervita
2167 Lisenko, S-ro Dimitrij, Soviet-Unio
2168 Guoijiang Wu, S-ro Fushun Skiyonyichang, Yanjiusuo, Fushun, Liaoning-Shong, Ĉinio PR
2169 Tingwei Gu, S-ro Nos 7-1 No. 9. Road West Xin Fu District, Fushun Liaoning, Ĉinio PR
2170 Zhengtong Yu, S-ro Fushun Kuanggong Xue Yuan, Fushun Liaoning, Ĉinio PR
2171 Medins, S-ro Aristos 226002, Riga-2, Esmilga 34-5, Latvio
2172 Kauzena, S-ino Agita Terbatas ula 16/18 olz. 7 Riga-11, 226011, Latvio
2173 Grietena, S-ino Baiba 229700, Liepaja, Ed. Tisse, 69-6, Latvio
2174 Malawska, S-ino Zofia 50-350 Wroclaw M. Benedyktinska 1415, Pollando
2175 Brink, S-ino Cora Beatrixstraat 36/7511 KL Enschede, Nederlando
2176 Kokolija, S-ro Georgij R. Kartozija 4, 21, SU-384921 u. Suhumi, Soviet-Unio
2177 Miragres, S-ro Jose Pedro Rua Francisco Portelo 2472 c/12-Sao Goncalo-RT, Brazilo
2178 Mashauri, S-ino Constantine Tanzania E-o Asocieto, Box 23390, Dar-es-salaam, Tanzania
2179 Zelve, S-ino Margarita Str. Rupniectbas 35-13, u. Riga 226045, Latvio
2180 Lima Rocka, S-ro Aylton Strato Rosas no. 698 CEP 21330, Brazilo
2181 Zakis, S-ro Vilmais Ape, Stacijas-20, 228737, Latvio
2182 Kazidive, S-ino Eva 228730 Aluksne, Latvio
2183 Nekrasaite, S-ino Zivile Vilnius Saltoniškiu 54, Litovio
2184 Scinbak, S-ino Irena, Pollando
2185 Seidemann, S-ro Erich D-O/8027 Dresden, Südwesthaug 5, Germanujo
2186 Brilleand, S-ro Jean-Seb 7 rue de Lumiere, 92500 Rueil, Francujo
2187 Berce, S-ino Liga Latvio 228500 -u. Cesis, str. Jaives-25, Latvio
2188 Hofstatter, S-ro Gottfried Schluhslmayrstr. 35, Aŭstrujo
2189 Ceglinska, S-ino Marianna Pi-05-120 Legionowo k/Warshawy ul. Marisiehki 3m 48, Blok XVII, Pollando
2190 Roziewska, S-ino Maria PL-00012 Warzawa, ul. Hinera 13m 194, Pollando
2191 Michalska, S-ino Alina Warshawa 01-876, Bronsewskiego 83m 223, Pollando
2192 Binder, S-ro Adolf Max D-7402 Kirschentellinsfurt, Fronetstr. 24, Germanio
2193 Binder, S-ino Ewa D-7402 Kirschentellinsfurt, Fronetstr. 24, Germanio
2194 Nakazawa, S-ino Etsuko 6/0-01 Kyoto-fu Joyo-Shi Terada Hijiri 78-24, Japanio
2195 Richter, S-ino Ursula Usinger Str. 7, W-6238 Hofheim-Langenhain, Germanio
2196 Giettz, S-ro Christel Lindlinger Str. 33, W-6238 Hofheim, Germanio
2197 Sadowska-Skorupska, S-ino Wladyslawa 02-157 Warsahwa xx-Latkow 16/46, Pollando
2198 Kowalewska, S-ino Sylvia Lodz, Prominskiego 7/24, Pollando
2199 Wolska, S-ino Halina Lublin, Chrobreco 4m 55, Pollando
2200 Drozdiwska, S-ino Ewa 87-100 Torun str. H. Sawickies 3m 10, Pollando
2201 Mizerska, S-ino Tamara 87-100 Torun str. B.Glowaskiego 16/22, Pollando
2202 Oleksowicz, S-ino Agata 87-100 Torun str. Kyskowskiego 25/17, Pollando
2203 Hehn, S-ro Dorin-Olimpin Str. Lugojului, nr. 21/A 1900 Timisoara, Rumanio
2204 Popa, S-ino Florica Str. Erioilor 29 ap. 7, Timisoara, Rumanio
2205 Fulop, S-ino Judit R-3700 Oradea Str. D. Cantemir 77 ex 6, Rumanio
2206 Budahazy, S-ro Stefan Victor R-3700 Oradea, Paul Dacia nr. 99. HD2 Ap. 24, Rumanio
2207 Budahazy, S-ino Maria R-3700 Oradea, Paul Dacia nr. 99. HD2 Ap. 24, Romanio
2208 Makay, S-ro Attila 3700 Oradea Str. Transilvanie no. 6. J-F-104, Romanio
2209 Udroiu, S-ino Ana Str. Odobescu 2/16. Loc. Baia-mare, Romanio
2210 Soproni, S-ino Ana-Maria Turda str. Zorilor nr. 16, Rumanio

Noto: tiu ĉi listo estis preparata per pluraj komputiloj en tre mallonga tempo. Ni pardonpetas pro la eraroj kiuj enŝteliĝis ĉefe en la supersignoj kaj diakritaj literoj. — La redaktostabo.



76-a UK - BERGENO

# Kongresa Kuriero

NRO 2 LUNDO 1991.07.29

## Kaj la ŝipo iras...

La UK ĉijare spertas novan situacion: ŝipo da esperantistoj, kiu ne estas allasata en la havenon, kaj devas krozi ekster ĝi, en la malferma maro.
Temas pri la ŝipo, per kiu klopodas alveni 72 litovoj, kiuj esperis unuafoje viziti Universalan Kongreson, spekti oficialan malfermon, ĝui la nacian vesperon, babili kun alilandaj esperantistoj, por plejmulto el ili la unuan fojon en la vivo.
Tamen la norvegaj aŭtoritatoj ne permesis al ili enlandiĝi, pro manko de iu specifa dokumento. Povilas Jegorovas, komitatano de UEA, respondeca pri la karavano, telefonis al la Oficejo por Sovetaj Ŝipoj en Oslo, kie oni certigis lin, ke tia dokumento tute ne estas bezonata.
Tamen, la ŝipo ankoraŭ iras surmare, kaj ni ne povas renkontiĝi kun niaj samideanoj el tiu jam sufiĉe turmentita lando.

Bruĉjo Kasini

## Fervojista kunveno

Tempo kaj loko ŝanĝiĝis. La kunveno okazos marde la 30an de julio, je la horo 10.00 en Velferdsalen salono ĉe la fervoja stacidomo.

## Bonvenon al la Bergena Bahaa Centro

La bergenaj bahaanoj bonvenigas vin en ilia centro por neformala babilado, kaf- kaj tetrinkado k.t.p.
Malfermita: 12.00 - 20.00 (lunde - vendrede)
Adreso:Prof. Hansteensgate 64

## Internacia vespero

Eventualaj prezentontoj por la internacia vespero (kaj artistoj ĝenerale) bonvolu kontakti Bjørn Heggseth en la LKK-oficejo.

## Eŭropa Esperanto-Unio / EEU

La landaj reprezentantoj bonvolu veni al salono Midthus je la 17a horo mardon posttagmeze por prepara kunveno cele al glata funkciigo de la jarkunveno en vendredo.

## Ekskursoj

Se vi havas bileton (ricevitan ĉe la alveno en la kongresejon) vi devas gardu ĝin bone, ĉar en la kazo de perdo vi devos aĉeti novan!
Estas forvenditaj ĉiuj biletoj por la duontaga ekskurso D3 (malnova Bergeno kaj Akvario), kaj por la tuttagaj ekskursoj E1 kaj E2 (Norvegio en nuksoŝelo kaj Sognefjordo).
En la ekskursoj E6 kaj E5 estas ankoraŭ iom da liberaj lokoj.
En la ekskurso D4 (minikrozo) estas pluraj liberaj lokoj en ĉiuj tagoj.

### Duontagaj ekskursoj

Grave!!!! Pluraj kongresanoj ne elektis tagon por la duontaga ekskurso, kiun ili mendis. Ili devas tuj anonci sin te la ekskursa giteto ĉar povas okazi, ke la busoj estos jam plenaj, kaj sekve ne eblos ekskursi en la dezirata tago.

### Postkongresaj ekskursoj

La busoj kolektos partoprenantojn de tiuj hoteloj en la urbo.
Tiuj, kiuj loĝas private aŭ eksterurbe, estu plej laste je la 08h45 antaŭ la Hotelo Norge.
La busoj por ekskurso P2 (Hardager kaj Oslo) haltos ankaŭ ĉe Studenta Hotelo Fantoft. La partoprenontoj bonvolu ne forgesi pri la kunveno vendrede!

## Komunikado en la Eŭropa Komunumo

Dum la Tago de la Lernejo (Lapenna), mardo 30 julio, kaj dum la kunveno de la Eŭropa Agado (Venture), vendredo 2 aŭgusto, la laborgrupo klarigos sian projekton: "Komunikado en la Eŭropa Komunumo 1992". La dokumento estos disponebla kaj aĉetebla dum la kunvenoj. (Kosto: 20,- kronoj.) La dokumento traktas la koncepton de la nova socio de informado kaj komunikado en la Eŭropa Komunumo kie naŭ lingvoj havas samrajtan pozicion. Pli ol 50.000.000 da enloĝantoj de la EK ĉiutage parolas lingvon ne apartenanta al unu de la naŭ oficialaj lingvoj. Interne de la EK-instancoj la franca kaj la angla lingvoj estas superregantaj. Ĉu la estonta Eŭropa Unio kun 20 ĝis 25 ŝtatoj-membroj komunikados per la sama nombro de lingvoj?
La aŭtoroj proponas diskuton pri tia temaro je la plej alta politika nivelo. La Eŭropa Parlamento devas peti la Komisionon enketadi pri la bona komunikadsistemo laŭ specifa proceduro, kiel tie jam estas uzata por solvi konkretajn medioproblemojn.

## FAT-kunveno

Ĝi okazis dimanĉe posttageze (15.15):
S-ino Ŝtimec enkondukis temon "Oriente - Okcidente".
Prezidanto Prof. Evaldo Pauli parolis pri tradukado de bazaj filozofiaj verkoj. Poste li klarigis la ideon de FAT kaj la revuon Simpozio. En Brazilo estas kultura fondaĵo Simpozio.
D-ro Helmar Frank proponis centron, eble en San Marino. La adreso en Metz ne plu validas. En '93 la prezidanto volas doni la postenon al pli juna homo. Prof. Pauli priparolas planon de filozofia enciklopedio. D-ro Bruno Vogelmann, kiu anoncis sin kiel prelegonto, ne aperis.

Albert Goodheir, KN41

## Genealogio (familia historio)

Atentu: Mardon la 29 julio renkontiĝos la interesuloj de la familia historia esplorado (genealogio) ĉe la Informejo post la biblioteka kunsido (10:30).

Charles M. Hall, Usono

## Infanoj parolas Esperanton

33 infanoj el 17 landoj ĝuas internacian ferion ĉisemajne en Hylkje, apud Bergen. La infanoj ĉiuj uzas la internacian lingvon Esperanto. 11 el la infanoj denaske parolas la lingvon. Tiuj venas el Koreio, Germanio, Svedio kaj Britio.
Dum la semajno la infanoj faros diversajn projektojn, kiel ekzemple konstruon de sunhorloĝoj por diversaj partoj de la mondo. Ili ankaŭ ekskursos al Voss kaj al Bergen.
Je vendredo ili faros publikan prezenton de kantado kaj deklamado, en la sama Folkehøgskole (popol-altlernejo), N-5092 Hylkje (tel (05)190140).

Ian Fantom, KN1871

## Komitata tagordo

En sia sesio en Hodler inter 14h00 kaj 16h00 en mardo la Komitato okupiĝos pri planado, junularo, kaj financo. En sia sesio samloke inter 14h00 kaj 17h00 en ĵaŭdo la komitato diskutos diversajn proponojn pri la agado de UEA surbaze de la laborgrupaj raportoj. Ĉiuj kongresanoj estos bonvenaj.

Ian Jackson, KN65

## Manĝkuponoj:

Manĝkuponoj validas por lunĉo kaj vespermanĝo en la kafejo de Studenta Centro. La manĝohoroj estas jenaj:
lunĉo 12h30 - 14h30, vespermanĝo 17h30 - 19h30. En merkredo (ekskursa tago) la restoracio funkcios dumtage 10h00 - 15h00, do oni ne servos vespermanĝon en ĉiu tago. Sabaton, la 3an de aŭgusto, oni servos la lastan lunĉon. Krom en manĝohoroj la kafejo funkcios de la 9a ĝis la 19a. Eblas aĉeti manĝkuponojn en la Grieghalo ĉe la informejo.
Tiuj, kiuj ne havas kuponojn povas ankaŭ pagi kontante ĉe la kaso.

## Tago de la paco

Tiuj, kiuj ŝatus fari mallongan prezenton pri sia agado en la matena sesio de la Tago de la Paco (temo: pozitivaj paŝoj al vivinda mondo), bonvolu anonci tion per noto ĉe la mesaĝtabulo por Mark Fettes, KN 71. Interesitoj pri aktiva rolo en Unesko-asocio Monda Kunagado bonvolu same anonci sin!

# Rostaĵ-restoracio

En la studenta centro estos ankaŭ restoracio, iom pli multekosta, en kiu oni servas laŭ la mendo. Ĝi funcias 13.00 - 19.00, merkrede 12.30 - 14.00.

# Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino

AIS estas internacia organizo, kiu ekestis en 1985 kaj kunlaboris jam sep centojn da sciencistoj el la tuta mondo, invitas vin al sia informkunsido okazonta vendrede, la 2-an de Aŭgusto, en salono Venture (Studenta Centro, unua etaĝo), je la 17-a horo. Se vi deziras en internacia medio science labori, adapti vian ĝisnunan sciencan gradon kaj pere de AIS-studunuoj atingi pli altan gradon, aliĝu al universitataj sesioj de AIS. La deka Sanmarina Universitata Sesio okazos de la 31-a de aŭgusto ĝis la 8-a de septembro 1991 en San Marino. Kiel kutime estos prelegoj kaj kursoj en la sekcioj Kibernetiko, Humanistiko, Struktursciencoj, Filozofio, Natursciencoj kaj Morfosciencoj. Diskonigu la inviton inter viaj konatuloj - sciencistoj! Oni povas aliĝi al la kolegioj de niaj sektoroj: Scienca, Arta, Teknika, Subtena.

# TEJO havas novan estraron

En la ĵus finita Internacia Junulara Kongreso en Karlskoga, Svedio, la komitato da TEJO elektis la jenan estraron:

Saskia IDZERDA, Nederlando, prezidanto.
Andy KUNZLI, Svisio, vicprezidanto k respondeculo pri Landa Agado
Sabira STÅHLBERG, Finnlando, vicprezidanto k respondeculo pri la Komisiono por Eksteraj Rilatoj.

Yves BELLEFEUILLE, Kanado, ĝenerala sekretario.

Danny ten HAAF, Nederlando, kasisto.

Torsten BENDIAS, Germanio, estrarano pri Aktivula Trejnado (seminarioj).

Andrej ANANJIN, Sovetio, estrarano pri kunlaboro oriento- okcidento.

Thomas PUSCH, Germanio, estrarano pri informado.

# Kongresa temo (1)

Dimanĉon posttagmeze (15.45):
Baldur Ragnarsson (Islando) enkondukis pri la nordia kunlaboro en la kultura kampo. Tiu ŝajne glata kunlaboro havas limojn: mi ne sukcesis starigi komunan libromerkaton; kaj la centra pozicio de la tri skandinavaj lingvoj emas vuali la situacion, ke ilin oni trudas al la aliaj nordiaj popoloj: la finnoj, la sameoj, la islandanoj, la feroanoj kaj la gronlandanoj. Ankaŭ kontribuaĵoj por la tiujara nordia literatura premio devas esti tradukitaj al la dana, sveda aŭ norvega antaŭ la prijuĝo, kio perdigas la specifajn stilajn trajtojn de la originala teksto. La pliforto de la centraj skandinavaj lingvoj povas eĉ draste minaci la kulturan identecon de la aliaj popoloj, ekz kiam feroaj junuloj preferas legi distran literaturon en la dana ol en sia propra lingvo.

La sekva diskuto temis i.a. pri situacio en Finnlando: Kvankam ankaŭ la sveda estas oficiala lingvo, junaj finnoj preferas uzi la anglan ĉar vi por ili estas neŭtrala, dum la sveda favoras la svedlingvan malplimulton.

DD, KN1084

# Laborgrupoj

## Plurlanda Agado

J. L. Texier invitas respondeculojn de landaj asocioj al prezento de tia programo en HODLER, mardon 9.00 - 12.00.

Ĉu indas ke foje okazu samtempa amasa reklamo, ekzemple en deklanda mondregiono?

Tiu kunsido malfermita al vi ankaŭ estis decidita kun la estraro de UEA kaj raportos al vi.

J.T. Texier. KN 510

## Samtempa Reklamagado en Pluraj Najbaraj Landoj

Ĉu eblas? J.L. Texier, eks-estrarano de UEA, vic-prezidanto de la Franca Asocio, faros proponon en HODLER, marde 9.00 - 12.00.

La kunsidon ĉeestu respondeculoj kiel vi - indas ankaŭ ol forĵeti la ideon havi opinion pri kio jam provitis. La progresoj de Esperanto estas multe pli etaj ol oni suspektas.

Ĉu restas ŝancoj plu provi?

J.T. Texier, KN 510

## Studenta Centro

En la studenta centro estas je via dispono poŝtoficejo, banko kaj vojaĝoficejo (de lundo ĝis vendredo 9.00 - 15.00) kaj vendejo de gazetoj, tabakaĵoj kaj suveniroj (9.00 - 17.00). Estas antaŭ librovendejo.

## Venu al akceptoj!

### Scienculoj

Universitataj instruistoj kaj sciencaj esploristoj estas invitataj al akcepto en la Universitato de Bergen, vendredon, la 2an de Aŭgusto, de la 12:30 ĝis la 16a horo. La Universitato prezentos sin kaj invitos al lunĉo. Ankoraŭ ekzistas kelkaj liberaj lokoj. Se vi deziras partopreni la akcepton, bonvolu anonci vin al B.A. Wickstrøm ĉe la informejo.

### Nafto-komercistoj

Statoil, la norvega ŝtata naftokompanio, invitas la membrojn de IKEF, aliajn komercistojn kaj interesatojn al prezento de Statoil ĵaŭde la 1an de Aŭgusto, de la 9a ĝis la 12a horo. Oni priparolos la agadojn de Statoil kaj la naftomerkaton. La prezento finiĝos per lunĉo. Por la restintaj liberaj lokoj anoncu vin al R. Rotsaert aŭ B.A. Wickstrøm ĉe la informejo.

---

## Anoncoj

Mi volas paroli kun sinjorinoj kiuj trikas, kaj kiuj eble volas helpi min en internacia triklibro. Mi havas kelkajn provkopiojn kaj transdonos al interesataj.

Margaret Chaldecott. 00289

Bad Luck About "Esperanto For Hope"
Bedaŭrinde, mankas stoko de tiu ĉi libro, lastatempe recenzita en "Esperanto". Verkita en la angla lingvo, ĝi povus esti utila en landoj kie multaj homoj lernas tiun ŝajnan 'mondlingvon'. Unu ekzempleron vi povas trafoliumi en la libroservo, kaj, se plaĉas, mendi.

Maire Mullarney, mmul-y

---

# Novaj Aliĝoj (Aldono al la Kongresa Libro)

2211 Neeme, S-ro Fred, Kuolo 6-26, 202240 Kehra, Estonio
2212 Kamp, S-ino Viivi, Koplo 18-4, 200004 Tallinn, Estonio
2213 Nagase, Yosikatu Flora Matuhara House 1303, Matuhara 3-7-3, Nagoya 460, Japanio
2214 Vajs, S-ro Jan, Jakubovany 24, Ĉeĥoslovakio
2215 Kosecky, S-ro Stanislav, Bratislava, Skdavorska 4, Ĉeĥoslovakio
2216 Frilande, S-ino Sandra, Maulkalnes Pr. 27-3, Ogre, SU-228810 Latvio
2217 Kleeman, S-ro Thomas, Bahnhofstr. 96, D-W-6904 Eppelheim, Germanio
2218 Rudolf, S-ino Annelies, Paderbergstr. 1, D-O-3507 Bannetal, Germanio
2219 Grigorjev, S-ro Andrej, 660095, Krasnojarsk, ul. Kommunalnaja 15-59, Sovetunio
2220 Olbert, S-ino Christine, D-O-7400 Tubingen, Haselweg 4, Germanio
2221 Tomaŝkova, S-ino Anna, Novomeskeho 2/12, 036 01 Martin, Ĉeĥoslovakio
2222 Polakova, S-ino Jenny, 779 Olomouc, Jeremiase 12, Ĉeĥoslovakio
2223 Bohovicova, S-ino Lidmila, Detska Ozdravovna 54221 Pec pod Snezkou, Ĉeĥoslovakio
2224 Bohkova, S-ino Anna, 905 01 Sehica, DLHA 252, Ĉeĥoslovakio
2225 Mihok, S-ro Gabriel, Narodna Trieda 79, 04001 Koŝice, Ĉeĥoslovakio
2226 Hausler, S-ro Torsten, D-O-9045 Zwickau, Bahnhofstr. 47, Germanio
2227 Haberl, S-ro Walk, Boetherstr. 1, A-Strasshof, Aŭstrio
2228 Haberl, S-ino Christine, sama adreso
2229 Falkenkopf, S-ro Ulrich , Nibelungenstr. 54, 8760 Miltenberg 2, Germanio
2230 Pavelson, S-ro Heino, Sopuse 196-204 Tallinn, 200029 Estonio
2231 Wenzel, S-ro Henryk, Simon-Dach-str. 21, D-O-1035 Berlin, Germanio
2232 Lunde, S-ro Ulf, Lehvenvegen, 5227 Søreneset, Norvegujo
2233 Hudson, S-ro Jeff, 148 Lava Howsell Road, Halvem, Worcs., WR1H 1DL, Britio
2234 Karpati, S-ro Michael, Bluskinstr. 36, IL-75261, Rishon Le-Zion, Israelo
2235 Karpati, S-ino Keren, sama adreso

Ni pardonpetas pro la eblaj eraroj en la supra listo, kiu estis transdonita al la Kuriero manskribita.



76-a UK - BERGENO

# Kongresa Kuriero

NRO 3 MARDO 1991.07.30

## Kongresa temo (2)

En la dua kunveno pri nordia kunlaboro (lundon) estis kvar prelegoj: unue T.A. Høeg (Nordujo) priparolis la nordian kunlaboron en la kampo de leĝfarado laŭ historia perspektivo. Poste Per Johan Krogstie (Nordujo) donis superrigardon de la ebloj de libera vojaĝado inter la nordiaj landoj, kaj Anna Ritamaki (Finnlando) skizis la nordiajn aranĝojn por junuloj kiuj volas studi aŭ labori en alia nordia lando. Fine Sakai Kauppinen (Finnlando) montris liston de 30 nordiaj institutoj por scienca esplorado k.s. En la sekva diskuteto oni aludis la malfortigon de la nordia kunlaboro kiun alportos eventuala membriĝo en la Eŭropa Komunumo de ekz. Finnlando kaj Svedio: tiam ili devos submetiĝi al centraj direktivoj. Menciiĝis ankaŭ ke pliakriĝos la lingva problemo en Nordio kaj pliaktualiĝos la bezonon de Esperanto, se la baltaj landoj aliĝos al la Nordia Konsilio.

## De la ŝipo

Nun ses de la rusaj Esperantistoj el la malpermesita ŝipo aperis inter ni, sed la resto ankoraŭ estas en la maro, kaj ne estas antaŭvideble kiam kaj ĉu eblos al ili ĉeesti la Universalan Kongreson.

## Belartaj Konkursoj

Rezultoj:

### POEZIO:

1a, 2a kaj 3a premioj: ne aljuĝitaj. Honora mencio: Gonçalo Neves (Portugalio) pro "Blago". Partoprenis 43 verkoj de 23 aŭtoroj el 14 landoj.

### PROZO:

1a premio: Ulrich Becker (Germanio) pro "La okuloj de Nanimbo"; 2a premio: Ulrich Becker pro "Trompo". 3a premio: ne aljuĝita. Honoraj mencioj: Gonçalo Neves pro "Fakistoj", Francisco Javier Moleon (Nederlando) pro "La eta dio", "Kio? aŭ Cezaro" kaj "Spegulo", Odd Tangerud (Norvegujo) pro "La ĉevalido". Partoprenis 28 verkoj de 14 aŭtoroj el 10 landoj.

### TEATRAĴO:

1a premio: Georges Lagrange (Francio) pro "Anton". 2a kaj 3a premioj: nealjuĝitaj. Partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj.

### ESEO:

Premio Luigi Minnaja: Mark Fettes (Nederlando) pro "Dance sur alta ŝnuro: La Esperanto-movado inter idealo kaj realo". Partoprenis 6 verkoj de 5 aŭtoroj el 4 landoj.

### KANTO:

Premio An-okin pri Kanto ne aljuĝita. Partoprenis 8 kantoj de 5 aŭtoroj aŭ aŭtoraj duopoj el 4 landoj.

### NOVA TALENTO:

Gonçalo Neves pro la poemo "Blago" kaj la prozaĵo "Fakistoj".

### INFANLIBRO DE LA JARO:

"Divenu do, kion vi faras!", eldonita de Libroteko Tokio (Japanio).
Partoprenis 3 libroj de 2 eldonejoj el 2 landoj.

### FOTOGRAFIO:

3a premio: Andrzej Sochacki (Pollando) pro la foto "Kongresa sportistino".

### VIDBENDO:

decidota dum la semajno kaj anoncota en la Fermo

La Komisiono pri la Belartaj Konkursoj de UEA konsistas el: Vilmos Benczik, Prezidanto kaj Osmo Buller, Sekretario

# La Infanoj Prezentos

Muzikon kaj deklamadon prezentos la infanoj de la infankongreseto vendrede je 15.30. Kongresanoj kiuj deziras ĉeesti trafu aŭtobuson 280 ĉe la centra aŭtobus-stacidomo al Hylkje (haltejo 19). Ĉe Hylkje sekvu la indikojn "Esperanto" al kongresetejo, kiu troviĝas ĉirkaŭ 1.5 km for. La lastaj ciferoj por la kongreseto estas 36 infanoj el 17 landoj, inkluzive de 11 denaskaj parolantoj de la lingvo.

Ian Fantom

# Favora afranko al nordaj landoj

Nordio - modelo ankaŭ pri poŝta kunlaboro! En la kongreso libro estas neperfekta informo pri afranko, kiuj devus esti: Por leteroj kaj kartoj al Norvegio KAJ AL ALIAJ NORDAJ LANDOJ (do Danlando, Finnlando, Islando, Svedio): 3.20 kronoj; al Eŭropo 4 kronoj, ekster Eŭropon 5 kronoj. pema-z, KR 0415

# Aŭtomobilistoj

Internacia Esperanto-klubo Automobilista kunvenis 29-an de julio 1991 en la kadro de la 76-a Universala Kongreso de Esperanto. Partoprenis la kunvenon 10 homoj, kaj membroj kaj nemembroj. Momente la klubo ne tre aktivas pro manko de pli junaj fortoj - kaj pro la grandaj ŝanĝaj en orienta Eŭropo. Ĉe la venonta UK en Vieno okazos la elektoj kaj tiam necesas trovi novan prezidanton kaj novan kaŝiston.

IEKA

# Komercistoj

IKEF - Generala Kunveno La ĝeneralan kunvenon de la Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF) partoprenis entute 39 membroj kaj interesatoj. IKEF celas al enkonduko, akceptigo kaj disvastigo de Esperanto sur la kampoj komerco, ekonomio kaj ekonomia scienco. La fakgrupo estis fondita en 1985 dum la U.K. en Augsburg kaj havas nun 83 membrojn. La Prezidanto Franz Josef Braun en sia raporto atentigis pri la graveco de la praktika uzo de Esperanto en scienco, tekniko kaj ekonomio. Li montris al la ĉeestantoj interesajn ekzemplojn de la ĝisnuna agado: eldono de la Komerca Terminaro, eldono de ekonomiaj bultenoj kaj verkado de fakaj artikoloj, havigo de reklamanoncoj de industrio al Monato kaj aliaj Esperanto-revuoj.

Ĉefa temo de la sekva diskutado estis la demando kiamaniere utiligi la multajn petojn el Ĉinio kaj la iamaj socialismaj ŝtatoj pri kunlaboro kun okcidentaj entreprenoj. Dum la sekva elekto al estraro la ĝisnunaj estraranoj d-ro Istvan GETHER, Hungario, s-ro Francois-Xavier GILBERT, Francio, s-ro Daniel KONIG, Germanio, s-ro Roland ROTSAERT, Belgio kaj s- ro Seik YAMASAKI, Japanio estis reelektitaj. F.j.braun (1211) Kaj R. Rotsaert (1235)

# Artaj Aranĝoj

Anstataŭanto por Bjørn Heggset pri artaj aranĝoj (internacia vespero) estas Pål Johansen.

# Junulara Forumo!

Kion faras TEJO? Kiuj aktivas en ĝi? Venu por vidi kiel aspektas la TEJO-agado hodiaŭ! Hodiaŭ, marde, okazos Junulara Forumo je 15.30 en salono Privat. Ĉiuj bonvenaj! P.S. Notu ke malantaŭ la mesaĝtabulo en la suba etaĝo troviĝas junulara tabulo. Skribu tie viajn opiniojn, mesaĝojn, komunikojn.

# Meso en Esperanto

Sabate je la 19.00a horo, por la Katolikoj Meso en Esperanto
ĉe St. Paul Kirke, proksime de la kongresejo (200 metroj for)

# Klasika Muziko

Koncerto de klasika muziko en ĵaŭdo ne okazos pro nealveno de artistoj. Koncerto de Jomart kaj Nataŝa okazos en Lappenna en studenta centro.

Ĉu estas en la esperanta kongreso "Rosicrucian fratero aŭ Sorore?" Mi deziras renkontiĝi vin. Mia nomo estas Rivka Tourgeman, KR 2105. Dankon.

## Mondmilita memorejo

Ĉu vi volas viziti la memorejon en Arna (apud Bergeno) de sovetaj militkaptitoj kiuj estis mortigitaj dum la dua mondmilito, bonvolu veni ĉe la enirejon de la Grieghalo, merkrede je la 10.00a.

Bjørn Heggset, KR 0106

## Germanaj Poŝtkodoj

Ĉe la plej multaj germanaj kongresanoj la landa litero de la poŝtkodo estas malĝuste indikita. Fakte la malnovaj indikoj D kaj DDR komplete forfalis. La nunaj korektaj indikoj estas D-W por la okcidenta parto kaj D-O por la orienta. Sekve oni devas ĉiam skribi D-W-4790 Paderborn, D-O-7050 Leipzig k.t.p.

## Salono Rifling

Pro malbonaj aerkondiĉoj en salono Rifling, oni ŝanĝas la ejon. Ekde hodiaŭ la salono Rifling troviĝos en la rostaĵ-restoracio (grill) en la studenta centro.

## Salutoj kaj Dankoj

### Armenia Esperanto-Asocio

En la nomo de armenia esperantistaro mi salutas la partoprenantojn de la 76-a Universala Kongreso de Esperanto kaj deziras sukcesplenan, fruktodonan laboron.
Estime Avetis Patatjan - Prezidanto de Armenia Esperanto-Asocio, Yerevan, Respubliko Armenio

### Thor Heyerdahl

Nome de Thor Heyerdahl, ni volas danki por la invito al la Universala Kongreso de Esperanto. Ĉar Heyerdahl tiutempe estas en Peruo, li bedaŭrinde ne povas ĉeesti la kongreson.
Ni deziras vin sukcesplenan okazon! Akikajn salutojn! Aina Sætre, Sekretario

## Malplimultoj

Komence de julio 1991 aperis la libro "Ne facilas esti ... sloveno en Italio". La aŭtorino, Anita Perič Altherr, estas slovenino vivanta en Triesto. Ŝi amplekse aktivas en sociaj movadoj por protektado de natura kaj homa vivmedioj. La libro, 160-paĝa, kun aro da nigra-blankaj fotoj kaj kelkaj maposkizoj, traktas diversajn aspektojn el historio, politiko, kulturo, ekonomio, religio, lingvistiko k.a. kaj enhavas plurajn literaturajn specimenojn tradukitajn (parte kun la originalo). Por proksimiĝi al slovenoj kaj italoj ne scipovantaj la Internacian Lingvon, la enkonduko, la notoj de la aŭtorino kaj la prezento de IKEL estas trilingvaj. Tiu ĉi libro estas rigardebla en la tri kunsidoj de la Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL), kaj ĝi estos poste aĉetebla ĉe la kutimaj libroservoj kaj rekte ĉe IKEL.

Uwe Joachim Moritz (327).

## Teatro

Dum la prezentado de la teatraĵo "Pupohejmo" hodiaŭ vespere ne estas permesate foti, sonregistri aŭ uzi video- kameraojn. Tuj post la fino de la prezento ĉiuj spektantoj rajtas veni al la scenejo kaj foti laŭplaĉe. La aktoroj pozos tiom longe, kiom deziras la fotistoj.
Ekde la 19a horo vi povas aĉeti ampleksan broŝuron pri la teatraĵo "Pupohejmo" kun informoj pri la verkisto Henrik Ibsen kaj la teatra grupo "Kia Koincido". La broŝuro havas multkoloran kovrilon kaj kostas 20 kronojn.
La teatraĵo konsistas el 3 aktoj. Post la 1a akto okazos tre mallonga paŭzo por rearanĝi la scenejon. Dum tiu paŭzeto bv. resti sidanta. La longa paŭzo (20 minutoj) okazos inter la 2a kaj la 3a aktoj.
Bonvenon al la teatra prezento je la 20a horo en salono Zamenhof!

## Kie troviĝas "Thalia"?

Kiel vi verŝajne jam legis, okazos rokkoncerto merkrede vespere. Ĝi okazos en la festohalo "Thalia" proksime de la teatro. Bedaŭrinde mankis informoj pri kie "Thalia" troviĝas. Ĉe la elirejo de la Grieghalo (tiu apud la informejo) pendas nun flava afiŝo kiu montras kie ĝi estas. Ni metos bonvenigan afiŝon ekstere de ĝi.

## Veterana Klubo

Kunveno de Veterana Esperantista Klubo okazis la 29-an de julio. 20 personoj ĉeestis. Dumkunvene aliĝis 3 novaj membroj. S-ro Lian Kirk kontribuis per prelegeto, tre interesa, pri la pioniro Richard Henry Geoghegen.

La nova honora membro de UEA Karl Søderberg rakontis ion pri sia esperantista vivo. Post vigla diskuto oni voĉdonis pri propono, ke de tempo al tempo aperu en revuo "Esperanto" informoj pri VEK. Unuamane akceptita. Oni ankaŭ diskutis eblecojn por elsendo de informoj al la unuopaj membroj, sed pro financaj rimedoj tio verŝajne ne eblas.

Bodil Kuhlmann, sekretario de VEK

# Gazetara Servo Internacia

Ankaŭ ĉijare, UEA organizas Gazetaran Servon Internacian. Ĝia celo estas prepari, pli-malpli ĉiutage dum la UK, novaĵan informon por la Gazetaraj Servoj kaj por la Gazetoj. Ĝi estas en esperanto, kaj kongresanoj el la diversaj landoj zorgas pri tuja traduko en la koncernajn lingvojn. Tiam, ĝi estas sendata, per telekso aŭ telekopio, al gazetoj kaj gazetaraj servoj en la specifa lando.

Respondeca pri tiu ĉi servo estas Bruĉjo Kasini, kaj kunlaboras Dario Besseghini.
Ĝis nun aperis du oficialaj komunikoj, kiuj estis disssendataj al po dudeko da adresoj tra la mondo, post traduko al pluraj lingvoj.
La kongresanoj, kiuj pretas aktive kunlabori por tiu utila servo, bonvolu kontakti la estraranon Ivo Durwael, aŭ la respondeculon de la servo Bruĉjo Kasini (KN 520).
Jam dum la kongreso okazis du kunsidoj pri tiu ĉi temo, nome Kongresa Informado, bedaŭrinde ne tro vizitataj, dum kiuj Durwal kaj Kasini provis klarigi en detaloj kiel oni povas plenumi tiun ĉi gravan taskon, daŭre informi la eksteran mondon pri nia ekzisto kaj pri niaj atingoj.

# Kuriero - kiel uzi

Ni memorigas ĉiujn kongresanojn, ke informojn pri la Kongresa Kuriero oni devas transdoni en la koncerna oficejo (apud la Libroservo) plej malfrue ĝis la 20a horo ĉiutage.

# Novaj Aliĝoj (Aldono al la Kongresa Libro)

| | | |
|---|---|---|
| 2184 | Seiubak, S-ino Irena, Al.P.K.W.N 8/290 2u-612 Lublin, | Pollando |
| 2236 | Zilinskaite, S-ino Egle, Marijampole Jukneviciaus 50-39, | Litovio |
| 2237 | Gurskas, S-ro Saulius, Puŝaloto 9-3 235300 Panevezys | Litovio |
| 2238 | Winirskia Di, S-ino Dagmara, Lublin ul. Pagainego 3B, | Pollando |
| 2239 | Orlandini, Pier Vittorio, Via pola 15, 58100 Grosseto, | Italio |
| 2240 | Grava, S-ino Sintija, 229700 Liepaja Ganibu iela 36/48 218. ist., | Latvio |
| 2241 | Priele-Priedena, S-ino Anita, 229700 Liepaja, Caunu iela 21, | Latvio |
| 2242 | Stalke, S-ino Gita, 229700 Liepaja Vanes iela 4, ist. 305, | Latvio |
| 2243 | Baldzens, S-ro Dainis, Valdemara 72A-6, Riga, | Latvio |
| 2244 | Miezitis, S-ro Andris, 229700 Liepaja str. Dedajeva 14-66, | Latvio |
| 2245 | Gutmane, S-ino Ingrida, 229700 Liepaja str. Ed. Tise 52-63, | Latvio |
| 2246 | Milzere, S-ino Dace, 229700 Liepaja J. Jara iela 18, | Latvio |
| 2247 | Pumpure-Buksevic, S-ino Aŭstra, 229700 str. Janŝevska 17-1, | Latvio |
| 2248 | Purmaliete, S-ino Ilze, 229700 str. Janŝevska 17-1, | Latvio |
| 2249 | Paŝkevica, S-ino Beata, str. J.Janŝevska 7/9-2, 229700 Liepaja, | Latvio |
| 2250 | Studens, S-ino Aija, Pusmucova 4-13, p.n. Smilskalns, Ludzasraj. 228054, | Latvio |
| 2251 | Rozenfelde, S-ino Binita, Kartvindambis 22B-1, RigaSU-226045, | Latvio |
| 2252 | Sietinsone, S-ino Ilva, 229700 Liepaja Peldu iela 51-2, | Latvio |
| 2253 | Kurakins, S-ro Leonids, 229700 Liepaja-18 ab.k. 143, | Latvio |
| 2254 | Soskina, S-ino Sofija, Kaluciema 97-A dz. 23, RigaSU 226041, | Latvio |
| 2255 | Timermane, S-ino Mara, Km Valdemara 145/I-32, Riga 226013, | Latvio |
| 2256 | Sachs, S-ro Rudiger, Ernst-Metz-Str. 3, D-3440 Eschewege, | Germanujo |
| 2257 | Simaitis, S-ro Boleslovas, R.Svytuzio 37, 235300 Panevezys 1, | Litovio |
| 2258 | Slikaite, S-ino Volanta, 235319 Panevezys Parko 37-502, | Litovio |
| 2259 | Venskys, S-ro Irmantas, Ukmerges str. 16-38, Kaunas, 233043 | Litovio |
| 2260 | Jenskyte, S-ino Diana, Ukmerges str. 16-38, Kaunas, 233043 | Litovio |



76-a UK - BERGENO

# Kongresa Kuriero

NRO 4-5 Merkredo-Ĵaŭdo 1991.07.31-08.01

## Bonvenon, Litovoj...

Via vojaĝo al la Universala Kongreso estis pli longa kaj pli aventura ol vi planis kaj deziris. La unuan duonon de la UK vi rigardis el la ferdeko de via ŝipo, kiel bestoj el la kaĝo rigardas liberecon ekstere: tiam la UK kaj la okcidento ŝajni al vi pli neatingeblaj ol iam ajn...

La ŝipo kiu alportis vin estis taksata danĝera, kaj pri ĝi ni aŭdis la plej terurajn supozojn. Sed la ĵurnalistoj, kiuj ĝin vizitis, porvis atesti ke ĝi alportas nenion timindan, kaj la norvegaj aŭtoritatoj allasis vin ĉiuj al sia lando; ĉiuj, inkluzive la neesperantistoj kiuj akompanis vin kaj kiuj per sia kontribuo permesis la vojaĝon.

Bonvenon, amikoj el turmentita lando Litovio: vi alportu vian mesaĝon de paca pledo por siaj rajtoj. Cetere tiu ĉi UK jam estas parte via: la tuta urbo Bergen, la tuta lando Norvegio, kaj eble granda parto de la mondo parolas pri via aventuro: la 76a UK ne-apelacieble fariĝis la kongreso de la... «spiona ŝipo».

Bruĉjo Kasini

## Al Infana Kongreseto

Por viziti la infanan kongreseton vendrede aŭtobuso forlasos Grieghalo je h. 14.45, kaj revenos duonhoron post la fino de la prezento. Ir-revena bileto kostos 20 kronojn. Aĉetu tion en la aŭtobuso.

## Aŭtoroj subskribos

Ne maltrafu la ŝancon ricevi aŭtografon de eminentaj Esperanto-verkistoj, en libroj aĉetitaj en la kongresa libroservo. Tiun ŝancon vi havos en ĵaŭdo. Jam promesis atendi vin jenaj aŭtoroj: John Wells (de 11.00 ĝis 12.00), Reto Rossetti (14.00 ĝis 16.00) Gerrit Berveling (14.00 - 15.00, Marjorie Boulton (ekde 16.30), Ulrich Lins (ekde 17.00).

Pri la deĵorhoroj de aliaj verkistoj, ekz. Edwin de Kock, vi povas informiĝi en la libroservo. Bv noti, ke ĉiuj prezoj en la libroservo inkluzivas almenaŭ 10%-an rabaton, kompara kun ilia kutima prezo ĉe UEA. Via vera ŝparo kompreneble estas eĉ pli granda, ĉar vi ne bezonas pagi sendokostojn.

## Alvenis la kultura heredaĵo de Tibor Sekelj

Per la ŝipo de la litovoj, ankaŭ alvenis al la U.K. unuan stokon de ink-freŝa libro: Gambo Rafiki (Saluton, amiko!) de nia neforgesebla esploristo Tibor Sekelj. Ĝi estas aĉetebla en la libroservo. La eldonisto, Bruĉjo Kasini, subskribos la ekzemplerojn inter 17 h. kaj 18 h.

## Aŭkcio

Unu el la plej viglaj kaj ĝuindaj eventoj de la kongresa semajno okazos en vendredo, ekde la 17a h. en salono Lapenna (Studenta Domo). Temas pri la aŭkcio, kie tri spertaj kaj spritaj aŭkciistoj tentos vin per valoraĵoj kiel la jenaj:

- jarkolktoj de famaj revuoj kiel «La Revuo» (1908), «Lingvo Internacia» (1907, 1908), kaj la neforgesebla «Norda Prismo».
- unuaj eldonoj de klasikaj verkoj, inkluzive de la unua originala romano e nEsperanto, «Kastelo de Prelongo» (1908).
- historiaj raraĵoj kiel la Kongresaj Libroj de la 4-a kaj 8-a UKj, serio de Stelo-moneroj kaj sondiska parolado de Ivo Lapenna.

Portu vian monujon, kaj gajan humoron!

## Bahaanoj

La temo de la dua BEL-aranĝo, ĵaŭdo 14.00 - 15.00 (Lapenna), estas "aspektoj de estonta mondordo". Post prezento de kernaj elementoj de la bahaa mondordo-ideo la publiko estos invitata al diskuto.

## Esperanto-Centroj

Kunsido de la guidantoj de Esperanto-centroj ĵaŭdon 12a horo salono Midthus

## Klasika muziko, jen!

La koncerto de klasika muziko tamen okazos en la anoncita tempo - ĵaŭde je la 20.00a - 21.30a en Lapenna: Galina Staneŝnikova kaj Elena Puhova, alvenintaj per la fama ŝipo, prezentos rusajn romancojn, muzikverkojn de Grieg kaj kantojn de Elena Puhova.

## Latvaj popolkantoj

Post la koncerto de N, en salono Privat, merkrede, okazos koncerto de latvaj kaj alilandaj popolaj kantoj.

## La Tago de la paco

### alia flanko de la afero

Ĵaŭdo estas la Tago de la Paco, kiam ni prezentos "pozitivajn paŝojn al vivinda mondo". Tio ja estas grava longperspektiva laboro por konstrui pacan estontecon. Sed dume ni ne forgesu ke la fiarmado de la malvarma milito inter okcidento kaj oriento ankoraŭ ne ĉesis: ĝuste Norvegio - post longa periodo de relative malalta grado de armiteco - ŝajnas nun esti transprenonta la rolon de centra apogareo por la atomaj frapfortoj de NATO.

Paradokse tio estas nerekta rezulto de la nun decidataj interkonsentoj pri malarmado (START), ĉar tiuj ne inkluzivas la krozmisilojn bazitajn sur submarŝipoj en la Norvega Maro. Kaj ĉi tiuj estas dependaj de elektronikaj instalaĵoj sur norvega teritorio por sia orientiĝ - kvankam la oficala politiko malpermasas situigon de atomarmiloj mem sur norvega tero. Estas indiko ke efektive okazas transigo de atomarmiloj de Centra Eŭuro al la norda regiono.

Malgraŭ la idiliaj montaraj vidaĵoj, Norvegion ankoraŭ minacas malpaco.

DD, KN 1084

## 10000 gm premio por Esperanta kulturo

Kulturon ligi kun Esperanto estas unu el la celoj de FAME-fondaĵo kaj la urbo Aalen. Pliajn informojn vi ricevos dum la publika transdono de la plej alta kultura premio en Esperantujo, ĵaŭdon, je la 12.30a en salono Hodler. Venu, kunfestu kaj spertu: Progreso estas kaptebla!

Heckhausen, KR 1726

## Radio Pekino

Raportistino de la Radio s-ino Hang Juh petas aŭskultantojn veni al la kunsido de legantoj de La Popola Ĉinio, hodiaŭ 13.30 - 14.30, en salono Privat.

Hang Jun, KN 1847

## Raportu...

En la unua kuriero, ni skribis ke vi uzu propran raportilon por doni materialon al ni. Bedaŭrinde, kaŭze de teĥnikaj problemoj, tiuj raportiloj neniam ekzistiĝis! Do, sed vi havas tekston por la kuriero, simple skribu ĝin sur ia blanka papero, legeble, kaj doniula paperon al ni (rekte je la oficejo, aŭ al la informejoj). Dankon!

La redakta stabo

## Filmo pri Valencia

Ĵaŭde, je la 12.00 horo, oni projektcios videobendon pri Valencia, ebla kongresurbo por la jaro 1993, ĉe la vestiblo de la studenta centro.

## Rusa Ais-Sesio

Dank' al 2-jaraj prepar-laboroj unu el esperanto-iniciatoj - nome la Rusa Sesio de AIS (RAISS) - ricevis aŭspicion de UNESCO kiel ties ero de la Monda Jardeko Por Kultura Evoluo. Ĝi pasos kiel instrua, scienca kaj kultura aranĝo en Moskvo kaj Leningrado ekde 29/12/1991 ĝis 08/01/1992, kaj laberlingvoj estos esperanto, rusa, angla. Ricevi la programon kaj aliĝi eblas ĉe AIS-budo (en UK 76 kun granda rabato), la detalojn, dum AIS-kunveno vendrede en salono Venture (studenta centro) je la 17a horo.

RAISS-direktoro L.Medvedev, KR 0747

## Seattle - Bergeno ĝemel-urba agado

Shahin kaj John McKinnie, usonaj esperantistoj, portis donacon flanke de Seattle - Bergeno ĉemurba organizo. La donaco estas

lakota (Indiana tribo) parola-danca bastono. S-ino Matland klopodas aranĝi oficialan transdonadon de ĝi al la Bergena urbo-estro dum la solena ceremonio. Bonvenu ĉiuj!
Shahin (KN 1719) kaj McKinnie (KN 1720)

# Estonia Ekspozicio

En la studenta centro malfermiĝis hieraŭ malgranda ekspozicio el Estonio. En la ekspozio vi povas vidi (bedaŭrinde ne aĉeti) produktaĵon de kelkaj estonaj entreprenoj - ludilon, plastajn ludaŭtojn, ledaĵojn, lampojn, bonajn kuracilojn kontraŭ revmatismo, masaĵajn kremojn kaj multan alian. La ekspozicion aranĝis esperanto-klubo de Tallinn (Estonio). S-ro Heino Pavelson (KR 2230) havis grandajn malfacilojn per transportado de la ekspoziciajn skatolojn anstataŭ Oslo al Stokholmon! Svedaj esperantistoj helpis finance al la transportadon de la UK, dankon al ili.'
La ekspozicion vi povas viziti ĉiutage de 15.00 - 17.00

Heino Pavelson, KR 2230

# Studio "P" el Torun

Junulara teatra grupo preparis por la 76a UK muzikan programon "Humana voĉo". Esprimanta pri eternaj sopiroj kaj revoj de homo. La teatraĵo surbaze novtempa pola poezio reĝisoris L. Sovinska, gvidantino de la grupo. Tekstoj tradukis en Esperanton T.Nemere.
La programo estos prezentita dum la Internacia Vespero vendrede 20.00 - 23.00, salono Zamenhof. Studio "P" prezentiĝis per aliaj esperantlingvaj teatraĵoj dum Tutlanda Trarigardo de Esperantista Artagado de Pollando kaj dum la 68a UK.

Violetta Zorawska, KR 1835

# Jam okazis...

## Pri la TEJO-estraro...

Pro duboj pri la sekso de l'TEJO-estraranoj, ni volas aldoni jenon: ĉiuj, kies nomoj ne komenciĝas per "Sa", estas malinoj.

## Bjalistoka Centro

Grandan dilemon frontas la Fondaĵo Zamenhof, kiu laboras por krei en Bjalistoko monumenton al la kreinto de Esperanto en la formo de funkcianta internacia Esperanto-centro. Kvankam la urbo rezervis por tiu projekto la ioman urban vendoplacon, la Fondaĵo ne sukcesis trovi partneron, kiu realigu sur tiu loko multfunkcian konstruaĵaron profitdonan al la partneron kaj samtempe utileblan de la Fondaĵo. La celo ja estis trovi investiston, kiu interesiĝu konstrui tie vendocentron, hotelon, konferencejon, muzeon kaj bibliotekon je la nomo de Zamenhof, sed surlokaj kaj alilandaj ekonomiaj kondiĉoj ne permesis tion.
Nun la urbo venis al la Fondaĵo tiun proponon, ke ĝi transprenu iaman sinagogon kaj talmudan lernejon tuj apud la vendoplaco, kaj ĝin rekonstrui kiel multe pli malgrandan Esperanto-centron. La grundon kaj la konstruaĵon la urbo disponigos senpage, sed 80% de la kostoj de renovigo (proks. $ 200,000) restos je la ŝarĝo de la Fondaĵo. Kvankam eventuale eblus trovi parton de tiu mono ekster la Esperanto-Movado, ĉu indus tiun multe pli limigitan projekton realigi? Ĉu la fakto, ke temas pri sinagogo nun adaptita al nova celo iel influu la decidon?
En sia dimanĉa kunsido la gvidantoj de la Fondaĵo kaj anoj de la publiko diskutis pri la temo sed ne venis al decido. Komuniku vian opinion kaj eventuale vian helpeblecon al d-ro Humphrey Tonkin (KR 554) aŭ s-ro Roman Dobrzynski (KR 69)

## Tago de la Lernejo: Densa bunto

Tiun tagon enkondukis s-ro E. Symoens per skizo de la laboro de ILEI, kiun li prezidas. La taga temo 'Konsciigo pri lingvo-problemoj en E-instruado' estis prezentita per kvizeca partopreniga sesio, kiu ne nur identigis bazajn informojn, kiujn ni volus instrui pri la mondo de lingvoj, sed ankaŭ donis praktikajn konsilojn kiel prezenti tion alloge kadre de lingvo-kursoj. Tiu trakto devis limiĝi al 30 minutoj pro la neinterkonsentita egaligo de 'Tago' al 3 horoj, kaj la svarmo de petitaj intervenoj. Tiuj inkluzivis vidbendan projekton klarigita i.a. de Roman Dobrzynski, Pre-universitatajn kursojn en Hispanio por 1993, gimnazian stud-programon okazigota dum la venont-jara ILEI-konferenco, la projekton 'Europa Komunumo 1992' pri kiu skiza dosiero ĵus aperis, la komunikstilan lernolibron 'Tendaraj tagoj' eldonita de ILEI, la staton de instruado en Kubo post la kongreso tie, komputilan instruadon kaj kursojn en tradukista lernejo en Bruselo. La programon, densa kiel la ĵusa frazo, gvidis kaj nun raportas Stefan MacGill.

## Granda deziro por la ekzameno

La laborfortoj de ILEI estos streĉitaj ekzameni la dek kvin kandidatojn, kiuj an-

oncis sin por la ekzamenoj de UEA/ILEI. La nuna sesio fariĝas la dua plej granda de post la relanĉo en 1989. Superis ĝin nur la sesio en Rumanio en aprilo kun 23 partoprenintoj. Tiu, kaj ĵusa sesio kun 13 sukcesintoj en Bulgario portas la nombron de sukcesintoj al 120 el 23 landoj. Ĝis vendredo certe kreskos ambaŭ ciferoj; ni esperas disdoni la diplomojn en la paŭzo de la internacia vespero.

## Samseksama Renkontigo

Pli ol 30 gejoj partoprenis vesperon en la centro de Homofil Bevegelse I Bergen. Duono el ili estas samseksamaj geesperantistoj de landoj tiel disaj kiel Brazilo kaj Hungario, la aliaj estis bergenaj Norvegoj, kiuj preparis por la festo bonan manĝon.
La norvegoj kaptis la okazon informigi pri la vivkondicojn de gejoj en diversaj landoj.

Peter Danning

## La ĉefkunveno de la IPTEA

La ĉefkunveno de la Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio (IPTEA) okazis dimanĉon 28.07.1991. Partoprenis kvar poŝtistoj kaj tri telekomunikistoj. La vizprezidanto de la IPTEA, telekom. Veikko Maki-Luopa el Finnlando prezedis kaj poŝt. Raymonde Perault el Francio sekretaris.
Post la salutoj kaj opinioj pri la Esperanto-situacio en la landoj de la partoprenantoj precipe en la sfero de la poŝto kaj telekomunikado. V. Maki-Luopa prelegis pri la usona artpentristo Samuel Morse (1791 - 1872) okaze de lia 200-jara datreveno kaj pri lia por la tuta mondo tre grava teleteknika (!) inventaĵo, kiu estas kocipe fare de la radioamatoroj (tamen nur sone). Komence oni uzis nur punktojn (mallongaj kurentpulsoj), sed praktike oni ekuzis ankaŭ strekojn (daŭro de tri punktoj). Tiamaniere naskiĝis t.n. morsa alfabeto, kies punktojn kaj strekojn oni estigis per t.n. morsa klavo.

Verkko Maki-Luopa

## Agado de LBV

Tiuj kiuj estas pretaj aŭ volas ricevi informojn pri la materia kaj spirita agado de de LBV - Legio de Bona Volo - en Brazilo kaj en aliaj landoj, bonvoli kontakti min per la KN 2089, Andre Tiago. Niaj publikigaĵoj estas disvendataj en la libroservo de UEA.

## Jarkunveno De UMEA

Lunde posttagmeze en la salono Baghy okazis la medicinista jarkunveno. Ĉeestis 50 gekolegoj el 20 landoj. Prezidis kaj raportis d-ro Imre Ferenczy, Prezidanto de la Universala Medicina Esperanto-Asocio. Aktiva laboro estas precipe en Pollando kaj Bulgario. En Bialistoko kaj Krakovo ekfunciis UMEA-Shinoda-kuracejo, krome jam okazis trifoje tie akupunkturaj kursoj. Pro altnivela faka refaraĵo ĉijara d-ino Margit Nagy (Hungario) ricevis la Shinoda-UMEA-premion. Kolego Ŝigajev (Soveta Unio) raportis pri la nelonge okazinte 8a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco en Kaknas, Litovio.
Post la kunveno ĉ 30 gekolegoj iris al la bergena Lepramuzeo, kie estas troveblas tre interesaj medicin-historaj memorajoj.

Imre Ferenczy, KN 517

---

# Anoncoj

## Franca Antologio, ja!

Kompilo de francaj ĉefverkoj "En Esperanto" nun eniros vian bibliotekon. Tri volumoj por eklanĉa prezo (rabato de 20 %) haveblas ĉe la kongresa libro-servo. Ne prokrastu!
Tiu-ĉi antologio nur enhavas plenajn verkojn de la lastaj kvin jarcentoj. Ni elektis prefere malpli ofte tradukitajn verkojn de plej bonaj aŭtoroj. Aliaj volumoj aperos en la ventontaj jaroj. Se mankos ekzempleroj fine de la kongreso, turnu vin al J. L. Texier (KN 510) aŭ al France-Esperanto en Parizo. La antologio ne haveblos ĉe revendistoj, krom UEA, en la lanĉoperiodo.

## Dankon, Arnljot

Multaj estonoj, latvoj kaj litovoj diras sinceran dankon al la norvega esperantisto Arnljot Kyllingstad, kiu loĝas en Eigersund, Helleland komunomo. Li kuŝas pro malsano jam 10 jaroj en la lito, sed estas tamen tre entuziasma kaj havas grandan simpation al la baltaj landaj, liverinte al iliaj esperantistoj gravan informojn konsilojn kaj senperan helpon en aliĝo al la 76a UK en Bergeno.

Madis Linnamag,
gvidanto de la estona delegacio

## Dankon !

Mi dankas al ĉiuj geamikoj el diversaj landoj kiuj helpis min kaj ebligis mian vojaĝon al Bergeno. Varmkorajn salutojn.
Zivile Nekrasaite, Litovio, KR 2183

---



76-a UK - BERGENO
Kongresa Kuriero
NRO 6 Vendredo 1991.08.02

# Raraj aŭkciaĵoj haveblaj!

"Via letero estas skribita tre bone kaj sen eraroj." Per tiuj vortoj d-ro Zamenhof salutas la pioniran hungaran esperantiston Gabor Balint la 18an de majo 1897, skribante el Grodno. "Enciklopedion en la lingvo", aldonas Zamenhof, supozeble responde al tiutema demando, "ni sendube pli aŭ malpli frue havos, sed nun mankas ankoraŭ la financaj rimedoj por tio ĉi."

Se "viroj eminentaj" lernas la lingvon, skribas Louis de Beaufront samtage (18 majo 1897), "ilia influo detenos la malbonon, kiun faris de la ideo mem de lingvo komunhoma idiotaj ĵurnalistoj aŭ skribantoj nesciantaj eĉ la unuan vorton de l' demando."

Tiuj estas nur partetoj el naŭ leteroj senditaj al Balint en la periodo 1897 ĝis 1903, kiuj troviĝos inter la objektoj en la ĉi-jara aŭkcio, okazonta vendredon je la 17-a horo en salono Lapenna. Du el tiuj leteroj (kun minimuma prezo po 1500 gld.) estas de Zamenhof mem. Tri estas de la franco Gaston Moch (inkluzive la plej fruan, skribitan per streketoj en la formo taŭga por nescianto de la lingvo), unu venas de instruisto en Karlskrona, d-ro Nilsson (13 junio 1898; min. 200 gld.), kaj estas du ampleksaj leteroj de la franca de Couturat.

La mimimumo por ĉiu letero de Moch, Beaufront kaj Couturat estas fiksita je 500 gld.

Aldone al la naŭ originalaj leteroj, dek unu escepte raraj fruaj libroj estos proponataj. Unu inkluzivas fotografan albumon "Japanaj vidindaĵoj kaj maroj" (1914), (min. 400 gld.), "Petite brochure sur la langue internationale", de Louis de Beaufront, aperigitan en Varsovio en 1895, kaj la germanajn vortarojn de Zamenhof, eldonitajn en Dresden (min. 300 gld), kaj de Stark (Leipzig, 1909, min. 200 gld.)

Aliaj titoloj estas:

Couturat. "Die internationale Hilfsprache", Paris 1900, 150 gld.
Cart. "Esperanta radikaro", Paris 1996, 150 gld.
Beaufront. "Texte synthetique de l' Esperanto", Paris 1901, 200 gld.
Cart. "Primele Lectiuni de Esperanto", Bucuresti 1908,100 gld.
Kimel. "Cheie", Rumana lernolibro, Bucuresti 1909, 100 gld.
Tiflisano "Poemaro", Paris 1911, 100 gld.
Borel "Esperanta-germana frazlibro de la ĉiutaga vivo", Dresden 1913, 20 gld.

Aldone al ĉio ĉi la publiko trovos en la aŭkcio la kutiman kolekton de libroj, gazetoj kaj aliaj belaĵoj kaj raraĵoj - haveblaj ofte je tre favoraj prezoj. Venu amase! Por grandaj aĉetoj eblos utiligi vian UEA-konton.

## La ŝipo: esenca helpo de la Ministerio

La krizo pri la ŝipo feliĉe solviĝis. En tio partoprenis multaj homoj, ĉefe la LKK, sed ankaŭ pluraj aliaj. Esencan helpon ni trovis ĉe la norvega ministerio por eksteraj aferoj, kaj grandan dankon ni ankaŭ ŝuldas al la turisma buroo de Bergeno, kiu senpage gastigis la litovojn. kks

La redakta stabo ricevis cetere plurajn dankesprimojn flanke de la grupoj reprezentitaj sur la ŝipo «Akademik Ioffe». Ili dankas al LKK, KKS, lokaj aŭtoritatoj kaj ĵurnalistoj, kaj al ĉiuj esperantistoj, kiuj kontribuis al ilia alveno al la UK.

## Landaj reprezentantoj

La landaj reprezentantoj estas petataj veni al salono Venture en vendredo je la 14.45, por prepari la jarkunvenon de EEU, kiu komencas je la 15.15 en la menciita salono.

# Litovaj informoj

■ Fenikse reaperis "Litova stelo", junie ĉi-jare. Ĝis fino de 1991, estos ses numeroj. 36 paĝa interesa revuo de Litova Esperanto-Asocio, kiu aperadis ĝis 1940. Jara abonprezo estas nur 70 norvegaj kronoj. Du numerojn vi ricevos tuj, restantajn kvar numerojn perpoŝte. Bonvolu iru al ĝiceto de Litova Esperanto-Asocio kaj tuj abonu. Vi ne bedaŭros.

■ La dua Eŭropa Esperanto-Forumo okazos la 28an de septembro ĝis la 5a de oktobro 1991 en Kaunas, Litovio. Detalajn informojn kaj aliĝilon eblas ricevi en budo de LEA, kaj tuj aliĝi.

# Komputiloj vendrede

Vendredon je 12.15 - 13.15 okazos en salono Wong Ken speciala kunsido pri komputiloj kaj rilataj teknikaj aferoj, sub aŭspicioj de TEC. Ĉiu interesita persono estos bonvena. Pluraj urĝaj temoj estos diskutataj.

Thomas A. Goldmann, KN 1584

# Balkanaj movadoj

Estas petataj reprezentantoj de Bulgara Esperanto-Asocio kaj Rumana Esperanto-Asocio kaj, se eble, el Greklando, Albanio kaj Turkio bonvolu veni vendrede, je la 18a horo, ĉe la informejo por iomete pridiskuti Balkanan Esperanto-kunlaboron.
Se vi ne povas veni lasu mesaĝon por KN 590

# Okazis

## Expolingua

La celo de la kunveno estas interŝanĝoj de spertoj, akiro de konsiloj kaj ideoj, provo analizi la efikon de investitaj kapitalo kaj laborhoroj dum la okazigo de informbudoj en lingvofoiroj kaj similaj aranĝoj.

Laŭvice raportis reprezentantoj, kiuj partoprenis en tiaj realigoj en Aŭstrio, Belgio, Britio, Francio, Germanio, Hungario, Italio kaj Portugalo. S-ro Hernandez anoncis la partoprenon de la Kuba Asocio en ventontprintempa aranĝo kaj alvokis al helpo per ekspoziciebla materialo. Kolektiĝis multaj utilaj konsiloj. Raporto aperos en venonta numero de Influo, la bulteno por personoj, kiuj okupiĝas pri informado.

id

## IKEL diskutis

Mardon kaj ĵaŭdon ĉeestis po proksimume 50 kongresanoj la inform- kaj diskutkunsidojn de la Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL).

Unue temis pri la plej aktualaj konfliktoj en Slovenio kaj Kroatio same kiel en Litovio. Inter la ĉeestantoj regis la opinio ke la interveno fare de la jugoslavia armeo kontraŭ la sendependiĝemaj respublikoj Slovenio kaj Kroatio estas kondamnenda. Same la plimulto estis konvinkita ke UEA devos esprimi sin kontraŭ tia violenta agado fare de kiu ajn ŝtato.

La prezidanto de Litova Esperanto-Asocio informis pri la aktuala situacio en tiu ĉebaltamara lando: ankoraŭ restas okupitaj la radio- kaj televidostacioj. Li akcentis ke dank' al la IKEL-interveno dum januaro 1991 alvenis multaj solidarecesprimoj al Litova Esperanto-Asocio.

Due estis prezentita duonhora referaĵo pri la situacio de la sameoj (precipe en Norvegio kaj Svedio). Estis akcentate ke la ŝtatoj kun sameaj minoritatoj devas nepre agnoski ke tiuj praloĝantoj simple havas rajtojn respektendajn fare de la ŝtatoj kaj ties majoritataj socioj. Diversaj ĉeestantoj sugestis sendi raportojn pri la kunveno al sameaj institucioj kaj organizoj.

La prezidanto de IKEL ĝenerale informis pri tiu ĉi asocio kaj ties politika agado substrekante la funkcion de la bulteno «Etnismo».

La tria IKEL-kunsido okazos vendredon, 02. 08.1991, je la 12-a horo en la salono "Venture" (studenta centro).

Uwe Joachim Moritz (327)

## Naturistoj

Marde posttagmeze okazis kunvenon de INOE, en la kadro de la 76a UK. Ĉestis 25 interesitoj, el kiuj kelkaj jam estas anoj de la movado. S-ino Bernice Scott, vicprezidantino de INOE, bonvenigis la ĉestantojn, kaj parolis pri la etoso de la movado, ankaŭ pri la eblecoj de internaciaj naturistaj renkontiĝoj. Ŝi petis la ĉeestantojn, ke ili varbu, kaj por Esperanto en naturistaj ĉirkaŭaĵoj, kaj por la naturismo en iliaj Esperantaj kluboj. Krome, ŝi emfazis, ke la Naturista Movado emas krei veran "grandan rondan familion". Poste la ĉeestantoj parolis pri siaj spertoj.

Oni esperas ke, se ni povas organizi ĝin, ni kuniĝos je la 10-a vendrede, kun la celo sunbani ie apud Bergeno.

B.K. Scott, KN 360

## IRKE

La programo de la ĉi-jara Interreligia Kunveno Esperantista, vendredo 16.45 - 17.45 (Baghy), estas triparta: meditado, pritrakto de la temo "Religio por la homara estonteco", loza interkonatiĝo. Bonvolu veni akurate por ne ĝeni la meditadon.

B.W., KN 817

## Faka agado

La reprezentantoj de fakaj asocioj, traktonte ties ĝeneralajn problemojn, konstatis ke kelkaj asocioj kontentige, kelkaj esperige, sed la plimulto apenaŭ, funkcias. La partoprenintoj starigis plurajn proponojn, inter kiuj estis ŝanĝo de la nuna nocio "faka agado" al iu pli trafa kiel ekz. "specifaj interesiĝoj", estu prilaborata Esperanto-dokumento pri fakaj asocioj por havi informfontoj por informa agado, estu membro- kategorio de UEA kun samtempa kotizado al fakaj asocioj.
La partoprenintoj proponis al la fakaj asocioj organizi fakajn kunsidojn kun neesperantistoj samfakuloj.

## Fervojistoj

Marde antaŭtagmeze en la stacidoma salono okazis la fervojista kontaktkunveno. Ĉeestis 48 personoj el 14 landoj. Bonvenigis la IFEF-prezidanto s-ro Per Engen, kaj poste la vicprezidanto, I. Gulejas, gvidis la kunvenon kaj raportis pri la okazinta IFEF-kongreso.
La ĉeestanoj aŭskultis du fakprelegojn kaj vidis du videofilmojn. Post vigla diskuto la norvega sekcio de IFEF regalis la partoprenantojn per lunĉo kaj kafo. Kadre de la fervojista kunveno sekvis la vizito al la novtipaj litvagonoj kaj la plej nova NSB-ekspres-trajno sur la trako en la stacidomo.

Istvan Gulejas, KN 516

## Muzika Esperanto-Ligo (MEL)

Marde okazis la jarkunvenon de MEL. Ĉeestis 30 membroj el 16 landoj. Oni pritraktis aferojn rilate al la bulteno "Muziko", internacia orkestro, ĵazmuziko k.t.p.

## Mormonoj (PEM)

La 30-an de julio prezentis sin en preĝejo de la Eklezio de Jesuo Kristo de la Sanktuloj de la Lastaj Tagoj. En prelego Paul R. Kern el Belgujo skizis la instruon de la Eklezio kaj Charles M. Hall el Usono parolis pri la agado de Por-Esperanta Mormonaro (PEM). Poste estis ankaŭ tempo por la tre interesita aŭskultataro, kiu vigle demandis kaj diskutis kun la reprezentantoj de PEM.

## Al Ludovikito la plej alta kulturpremio

La eldonisto, kiu redonacis al ni la Zamenhofan heredaĵon, Ludovikito, nome Ito Kanzi el Kioto, ricevis ĝaŭdon la Esperanto-kulturpremion 1991 de FAME-fondaĵo kaj de la sudgermana urbo Aalen.
Dum la solena transdono de la esperanta kulturpremio, kiu egalas al 10.000 gm., ludis la usona violonistino Sara Su Jones, akompanata de fortepianisto.
La ceremonion gvidis la FAME- kuratoriano d-ro Ulrich Lins, kiu transdonis la premion al Huĝimoto Tacuo, kiu reprezentis Ludovikiton.
Rainer Heckhausen, FAME-vicprezidanto, klarigis la valoron de memstara fondaĵo por la Esperanto-movado kaj skizis la fondaĵan politikon.
Vigle laŭdis la multjaran sciencan agadon de Ludovikito d-ino Marjorie Boulton, kiu emfazis la gravecon de lia verko: li kolektis, redaktis, financis la eldonon de la kompleta verkaro de Ludoviko Lazaro Zamenhof — havebla ĉe la libroservo — en science valora, kulture interesa kaj grafike alloga formo. Tiel li savis la fonto-materialon de nia lingvo kaj malfermis ĝin por movadaj kaj sciencaj studoj.
Dankon, Ludovikito! InSalutis ankaŭ lia japana kunlaborantino Syozi Keiko, d-ro Blanke el Germanio kaj d-ro Sergej N. Kuznecov el Moskvo.
Pliajn informojn pri la urbo Aalen kaj pri la subteno-eblecoj de FAME-fondaĵo vi ricevos en la haveblaj prospektoj kaj rekte ĉe s-ro Alois Meiners, KN 1599, kaj s-ro Rainer Heckhausen, KN 1726.

## Unesko-asocio fondita

En kunsido ĵaŭdon posttagmeze, ĉ. 60 kongresanoj partoprenis en la fondo de esperantista Unesko-asocio, "Monda Kunagado por Eduko, Scienco kaj Kulturo".
Ĉeestis interalie Ida Blom, reprezentanto de la norvega Unesko-komisiono kaj Helmut Tautz, kiu ĝis la pasinta jaro estis ano de la Unesko-komisiono de GDR.
Ankaŭ la Sekretario de Unesko salutis la kunvenon. En la nova estraro de Monda Kunagado membras Martha Andreasson (Svedio), Ulrich Becker (Germanio), Eva Bojaĝieva (Bulgario), Mark Fettes (Nederlando/Kanado) kaj Lev Medvedev (Soveta Unio).
La jarkotizon de 30 gld / 100 NOK oni povas pagi al iu ajn el ili. Monda Kunagado aktivos

per konkretaj projektoj por paco kaj interna-cia kompreniĝo, uzante la spertojn kaj eble-cojn de Unesko kaj de la Esperantaj medioj.

Mark Fettes

## Virina agado

Elsbeth Bormann (KN 0006) povis marde bonvenigi pli ol 20 virinoj kaj tri virojn al UEA-kunsido pri virina agado.

Oni konstatis, ke indas daŭrigi la agadon ĝis duono de la decidantaj organoj konsistas el virinoj.

Oni elektis kiel novajn komisiitojn Ans Bakker - ten Hagen (KN 1256) kaj Christine Albert (KN 2220).

La adreso de Virina agado restos ĉe Elsbeth Bormann, kiu dankeme ricevos proponojn pri seminariaj temoj kaj alia agado.

## Anoncoj

Manteksado — Serĉas gekunlaborantojn por krei terminologion por manteksado: s-ino Inger Lannergard, Smidesgatan 3D, S-77500 Krylbo, Svedio.

KN 0111 kaj KN 0140

Memoraĵo de Bergeno — Belega turistlibreto el Okcidenta Norvegio. Ne forgesu aceti la libreton "Okcidenta Norvegio". Ĝi estas vendata en la kongresejo, ĝi kostas 30 NOK, kaj ĝi estas belega memoraĵo de via restado en Bergen kaj nia landparto. La fotoj simple ravos vin. Ne atendu tro longe se vi volas certigi al vi ekzempleron. Bona donaco ankaŭ al aliaj amikoj de Norvegio.

Elna Matland

20 - 50 % rabatite fervojbileto Bergen - Oslo - Stockholm - Malmø - Berlin ( - Varsovio - Moskvo) akireblas ĉe Melnikov, KN 839

# Novaj Aliĝoj (Aldono al la Kongresa Libro)

2261 Vaiciunaite, S-ino Ruta Rinktines 449-28, 232005 Vilnius, Litovio
2262 Aioukaite, S-ino Sonata Kosmonauta 48-26, 235000 Jonava, Litovio
2263 Ananjin, S-ro Andrej SU-143006 Odincovo, Mosk. obl. a/ja 111, Soveta Unio
2264 Puhova, Yugoslavio
2265 Stanesnikova, S-ino Galina
2266 Kasperiunas, S-ro Arvydas, P.O.Box 1472, Vilnius 40, Litovio
2267 Ŝevĉenko, S-ro Aleksandr 117593, Moskva, Litovskij Gulvar, 13/12 - 581, Soveta Unio
2268 Ŝevĉenko, S-ino Elena 117593, Moskva, Litovskij Gulvar, 13/12 - 581, Soveta Unio
2269 Vela, S-ino Davorska, Riesznerova 4, 4100 Zagreb, Jugoslavia
2270 Ratsepp, S-ino Eda, Ravila 30A-6, 202400 Tartu, Estonio
2271 Yu, Zhi shun, Ĉinio, 266001 Shang Dong, Qing Dao, Si Fang Lu, 18hao 4 Lou, Ĉinio
2272 Kairyte, S-ino Dalia, 235251 Pasvalio raj. Krinĉinas, Litovio
2273 Ramanauskaite, S-ino Ramline, Panevejis Ramygalos 96-62, Litovio
2274 Ĉeliauskas, S-ro Petras, 235745 Ŝeksna, Sodo 2-4, Litvio
2275 Butkauskas, S-ro Bronislovas, Kaunas, Kreves 117-8, Litovio
2276 Raĉius, S-ro Juozas, 233000 Kaunas, P.O.Box 364, Litovio
2277 Budvytiene, S-ino Janina, 233043 Kaunas, Siaures pr. 83-43
2278 Maleviĉius, S-ro, Eduardas, Raguvos 19-11, 233000 Kaunas, Litovio
2279 Luineviĉius, S-ro Rubertas, Litovio Birzai N.Radviliskis Ausros 9-4, Litovio
2280 Piliponis, S-ro Algimantas, Vilnius, 232044, Karoliniskiu 3-93, Litovio
2281 Kirvela, S-ro Albinas, 232043 Architektu 6-21, Vilnius, Litovio
2282 Endriulaitis, S-ro Rimantas-Stanislavas, Litovio
2283 Ŝipŝinskiene, S-ino Aldona Panevejis Nemuno 76-34, Litovio
2284 Kuzminskiene, S-ino Vita, Staniunu nr. 33-47 Panevezis, Litovio
2285 Laiconas, S-ro Erikas, P.K. 203, 233000 Kaunas, Litovio
2286 Minikeviĉiene, S-ino Audrone, 234430 Turbakkas, Litovio
2287 Minikeviĉius, S-ro Juozas, Jurbarkas, Liepu 28, Litovio
2288 Ragauskiene, S-ino Nijole, 233008 Kaunas, Baltijos 8-45, Litovio
2289 Katiliene, S-ino Marija-Grazina, 233005 Kaunas, Januskeviciaus 31-1, Litovio
2290 Skudzinskiene, S-ino Rima, 233000 Kaunas, ab.k.279, Litovio
2291 Maruŝka, S-ro Alfredas, p.k.50, 235250 Pasvalys, Litovio
2292 Kazlauskas, S-ro Arunyas, 235800 Klaipeda, manto 8-138, Litovio
2293 Pedrovskas, S-ro Remigijus, Litovio
2294 Smalskis, S-ro Virsinijus, Litovio
2295 Benito, S-ro Jaime, Pedro IV, G.10, 50008 Zaragoza, Hispanio